# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://itranslate4.eu/

**PLENUMITA 14/04/2016 Ducentsesdekkvina eldono 14/04/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**



**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**SENDATA AL 306.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Estas pli ol **358,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

# 118. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Fari vortojn. C.

Dum por fari vortojn ni uzu nur la radikojn de oficialaj vortoj, ni faras novan vorton nur kiam estas bezono, plej ofte kiam ankaŭ etnaj lingvoj havas por la nocio specialan vorton aŭ esprimon. Se ne estas bezono por nova vorto, do kiam ankaŭ la etnaj lingvoj ne havas vorton por la nocio, estas mallogika kaj evitinda krei novan vorton. Ekzemple ne bezoniĝas speciala vorto por "ruĝa rozo", ĉar tiu esprimo konsistanta el du vortoj sufiĉe klarigas, pri kio ni parolas. Ni nek havas en etnaj lingvoj specialan nocion pri "rapide manĝi". Nek por "manĝi terpomojn". Ni do ne faras vortojn kiaj "ruĝrozo" nek "rapidmanĝi" nek "terpommanĝi". Oni kreus idiotaĵojn se oni kreus tiajn vortojn, kaj vortojn kiaj "porveturi", "tablobuŝo", "altkolora", piedblua, gaslegi, fratmaro, boarbo, kantitus, kaj klarrapida.

Sed ni ne forgesu, ke kelkfoje ni faras novan vorton kun figura senco, kiel ekz. "la historiaj lumjaroj".

Daŭrigota Marcel Leereveld.

# SHEIDOW PARK SCHOOL

# VINTRA KURSARO DE ESPERANTO

(Sheidow Park Primary estas la lernejo, kie la gastiganto, Gordon Coleman, instruas Esperanton)
En Junio estos vintra kursaro en Adelajdo en la lernejo de Gordon Coleman.
informis Trevor Steele

Sabaton 11-an de Junio kaj Dimanĉon la 12-an de Junio 2016

Programo

9.00 - 11.00 Klasoj por komencantoj, eble mezniveluloj, kaj progresintoj.

11.00 - 11.30 Matena kafo provizota

11.30 - 1.00 Klasoj daŭras.

1.00 - 1.30 Lunĉo provizota. Supo kaj pano kaj aldonaĵoj

1.30 - 2.30 Aktivaĵoj

2.30 - 3.00 Kafo provizota

3.00 - 4.00 Aktivaĵoj

La posttagmezaj aktivaĵoj povus esti ludoj, mallongaj paroladoj, kaj komuna kantado. Estas dezirinde, ke multaj proponu prezenti mallongan rakonton/ŝercon pri temoj propre elektitaj. Krome estus bone okazigi konkurson pri rakontetoj "juĝotaj". Tiuj rakontetoj estu eble 5-minutaj, kun pli-malpli 1000 vortoj (eĉ malpli longaj, laŭplaĉe).

Propono: estu ludo, en kiu sperta esperantisto kaj komencanto kunlaboru por verki rakonton, kiu devas enhavi kelkajn diktitajn vortojn. La rezultojn oni povus sendi al la bulteno de Roger Springer aŭ ESSK.

Tamen. La posttagmezaj aktivaĵoj estu libere variigeblaj laŭ la plaĉo de la partprenantoj. Kelkaj eble eĉ preferus daŭrigi lecionojn, ktp.

La vintra kursaro okazos en mia lernejo (de Gordon Coleman), kun la plena apogo de mia lernejestrino, dum la "longa semajnfino" rilate al la datreveno de La Reĝino (11-a kaj 12-an de Junio).

Estos malgranda kotizo ($10) por kovri kostojn de manĝaĵoj kaj presado; la restsumo estos donacata al la lernejo.

Laŭplaĉe ni povus fini la renkonton per komuna manĝo en la loka Café Primo, kie oni servas kaj vegetarajn kaj nevegetarajn manĝojn.

La lernejo havas agrablan ĉirkaŭaĵon kun korto kaj kuirejo kaj pado tra naturmedio, proksime al la Steiner-klasĉambro. Sheidow Park estas unu el nur du ŝtataj lernejoj, kiuj havas Steiner-klasojn.

Aparte bonvenaj estus vizitantoj el aliaj partoj de Aŭstralio kaj eĉ de aliaj landoj. Kaj se tiuj eventualaj vizitantoj ŝatus proponi kontribuon al la programo, ili bonvolu informi antaŭtempe.

Sud-Aŭstralio estas internacie konata kiel elstara produktanto de vinoj kaj manĝaĵoj, kaj kiel kultura centro. La lernejo de Gordon situas proksime al la vinprodukta region McLaren Vale; krome Sud-Aŭstralio havas la solan delfenaron de la mondo, kiu povas esti vidita en funkcianta haveno; tiuj bestoj estas videblaj desur krozboatoj, kiuj veturas el Port Adelaide je feritagoj (ekzemple la 13-a de junio), tiel ke gepatroj povu venigi siajn infanojn. Ili povas ĝui kelkajn agrablajn tagojn kune kun aliaj esperantistoj kaj poste iri kun siaj infanoj al la prezentaĵo "Disney sur glacio" vespere kaj poste vidi la delfenojn lundon. Kaj la infanoj povos ĝui Esperanto-lecionojn.

La kosto de 2-hora krozveturo estas nur $8 por plenkreskuloj kaj $6 por infanoj. Tre penvalora vizito!

# Pli pri geografiaj nomoj en Esperanto



Mi ŝatus aldoni noton rilate la demandon pri landonomoj.
Ĝi estas legebla en la alkroĉaĵo. Amike, Trevor Steele

## La ĝojo esti akademiano

Estas facile kritiki la laboron (aŭ mankon de laboro) de la Akademio de Esperanto (post unu periodo kiel membro mi eksiĝis, ĉar mi sentis, ke mi kontribuas nenion). Sed foje oni postulas decidojn de la Akademio – kaj poste rifuzas akcepti la decidojn, kio ne plifaciligas la funkciadon de tiu institucio.

Bona ekzemplo temas ĝuste pri landonomoj. En la fruaj 1980-aj jaroj la Akademio decidis nomi la landon *Koreo* kaj la civitanon *koreano.* Sed la esperantistoj de la koncerna lando lanĉis tutmondan kampanjon kontraŭ tiu decido (ankaŭ mi ricevis ilian plendon). Ili atentigis, ke oni diras *ĉino / Ĉinio (eble Ĉinujo)* kaj *Japano/ Japanio (Japanujo),* kaj justeco postulas egalecon: do *koreo/ Koreio (Koreujo).* La kampanjo estis tiel akra, ke la Akademio cedis.



# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

Kunvenos Sabaton 16 de Aprilo.

# Nova speco da kunveno ĉe Esperanto-Domo



16an de Aprilo, Sabaton, 6ptm, Venu kaj ĝuu muzikon, picon ka novajn amikojn!



# El Adelajdo



La 6-an de Aprilo la ĉefa temo de la kluba kunveno en Adelajdo estis la ĵus pasinta Trilanda kongreso en Bandung. Sandor Horvath kaj Helen Palmer prezentis al la ĉeestantoj bildojn, filmetojn kaj interesajn rakontojn pri la antaŭkongresa ekskurso kaj la kongreso mem.
Ni povis nur gratuli la estraron de AEA pro la sukcesa organizado de tiu unika aranĝo.
Amike, Katja Steele

# Komuna kunveno de du Esperanto-kluboj

Post longa paŭzo, *Esperanto-Klubo de la Centra Marbordo* kunvenis ĉe nova loko, Albert's Café, Wyong, dimanĉon la 10-an de Aprilo. La nova loko estis elektita por ke membroj de *Novkastela Esperanto-Societo* povu veni trajne kaj partopreni. Pro tio, ni ankaŭ movis la komencotempon, al 11:45 atm.

Post ĝua babilado kaj du ludoj, ni ĉiuj decidis kunveni ĉe la sama loko post unu monato (la 8-an de Majo). Por pli da informo, vidu la retpaĝon esperantohouse.org.au/events/cc/.




De la maldekstro: Andrew (NES), Jo (EKCM), Daniel (NES), Rohan (NES), Kerry (NES). Fotinto: Jonathan (EKCM) Raportis Jonathan Cooper



# Pri 3ZZZ



Pro la translokiĝo de la radiostacio al nova studio, la elsendoj de la 21a kaj 28a de marto ne estis enretigitaj . Tamen tiu de la 4a de Aprilo troveblas en ambaŭ retejoj: tiu de la radiostacio kaj tiu de la Melburna Esperanto Asocio.

Svetislav Kanacki kaj Joanne Johns kunlaboros tiel ke ankaŭ la du mankantaj elsendoj troveblos en la retejo de la Melburna Esperanto Asocio.

Informas Franciska Toubale, kunvokanto de la Esperanto -grupo en 3ZZZ.

Amike, Franciska

# AEA informas.

Aŭstralia Esperanto-Asocio C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## 2016-04-07 AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (10/03/2016) ĉeestis:

Joanne, Jonathan, Heather, Sandor - Ilia el Indonezio kaj Bradley el NZ

Nia unua kunveno post la trilanda kongreso en Bandung

**TRILANDA KOMUNA KONGRESO EN BANDUNG (INDONEZIO)** 23 – 28 Marto 2016

Ni longe diskutis la "sekvojn" de la trilanda kongreso.

Estis kelkaj miskomprenoj pri kelkaj financaj aferoj, .... sed ni havis malferman, rektan diskuton kaj ni ĉiuj esperas (ni ja estas esperantistoj!) ke ni solvos ilin kaj povas lerni de la unua kongreso por la dua. Ĝi okazos dum Pasko 2018.

Dum la venonta kunveno ni daŭrigos la preparadon de la Brisbana AEA kongreso/somerkursaro dum januaro 2017.

Heather, Jonathan, Joanne La venonta kunveno: Jaŭde, 21-a de aprilo, je la 17:00-a

## 2016-04-09 Multajn dankojn

Kara Ilia,

La estraro de la Aŭstralia Esperanto-Asocio dankas vin pro la grandega laboro, kiun vi faris dum la lastaj du jaroj por la sukceso de la trilanda kongreso, la evoluo de la Esperanto-movado en Indonezio, la Esperanto-movado en Sudorienta Azio, kaj Esperanto ĝenerale.

Aparte laŭdindaj estas la jenaj:

- Via vizio pri la trilanda kongreso
- Via ĉeesto dum (almenaŭ) dudek komunaj Skype kunvenoj.
- Viaj bonaj rilatoj kun la Esperanto-grupo en Bandung
- Via bona superrigardo pri la diversaj necesaj aferoj
- Via forta, senĉesa klopodo plifortigi la Esperanto-movadon en via lando
- Via rolo en la kunmetado de bona kaj bela kongresa libro
- Via rolo en la produktado de la allogaj T-ĉemizoj
- Via helpo al multaj kongresanoj antaŭ, dum kaj post la kongreso. (Eĉ pri bagatelaj kaj stultaj aferoj)

Ankaŭ ni pardonpetas, se kelkaj agoj de la eksterlandanoj ofendis vin kaj aliajn Indoneziajn esperantistojn.

AEA tre esperas ke ni kune multe lernis de la unua trilanda kongreso, ke nia kunlaboro pliboniĝos kaj ke ni povas starigi eĉ pli bonan post du jaroj.

Daŭrigu vian bonegan laboron.

Plej amike,

La AEA-estraro (Esther, Heather, Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor)

# La Balta Ondo

28 Marto 2012 de AlKo

## Teorio de disvastiĝo de novaĵoj, aplikata al Esperanto (1)

## Studo de Dennis Keefe



Dum jardekoj, oni povas diri ekde la jaro 1887, esperantistoj firme kredadis, ke ilia lingvo estas nova ilo, plene taŭga por la rolo de internacia helplingvo. Esperanto estas neŭtrala, relative facile lernebla, kaj iusence logika. Per tiuj tri trajtoj ĝi, laŭ esperantistoj, klare superis la francan lingvon de la 19a jarcento, kaj la anglan de la 21a. Tamen spite al ĉi tiuj klaraj avantaĝoj, malmulte da homoj antaŭe kaj nun akceptas Esperanton kiel internacian lingvon.

Multe da esperantistoj, kiel multe da aliaj homoj, kredas, ke se nova ideo aŭ nova produkto estas pli bona ol konkurencaj ideoj kaj varoj, ĝi nature estos post nemulta tempo akceptata aŭ aĉetata de homoj. Multo el la moderna fundamento de la fako ekonomiko baziĝis sur la principo de racieco. Racia homo akceptas ideon, se ĝi estas pli avantaĝa ol alia ideo aŭ varo kiu eble kostas pli, aŭ ne funkcias tiel rapide, aŭ ne vivas tiom da tempo, ktp. Sed estas longa listo de varoj kiuj estas okulfrape pli bonaj ol alternativoj, sed kiuj tamen estas ne rapide akceptataj de la homaro. Esperanto apartenas al tiu listo.

Ni rigardu kelkajn ekzemplojn de pli bonaj ideoj, kiuj tamen ne multe sukcesis. Steve Jobs kaj Apple estigis pli bonan programaron por tablo-komputiloj dum la 1980-aj jaroj, tamen Mikrosofto kaptis tiom da aĉetantoj kaj klientoj, ke ĝi preskaŭ monopolis la tutan merkaton. Sony sukcesis lanĉi pli bonan videon Betamax, tamen gajnis Mitsubishi kun la ne tiel bona VHS-sistemo. Rigardu la klavaron de via komputilo, kaj se vi utiligas la QWERTY-klavaron kiel homoj en Usono kaj en Ĉinujo, vi uzas sistemon kiu postrestas rilate rapidecon kaj logikecon de la klavaro elpensita de Dvorak antaŭ 80 jaroj en 1932.

Eĉ bonaj ideoj (boneco dependas de la perceptado kaj vidpunkto de la celgrupo) ofte bezonas multajn jarojn antaŭ ol esti akceptataj. En Usono, la klare avantaĝa metra mezursistemo ankoraŭ apenaŭ utiligeblas publike. Homoj ne ŝatas rapide ŝanĝiĝi. Homoj estas skeptikaj. Homoj kutime ne volas esti inter la unuaj, kiuj brakumas novajn ideojn kaj novajn produktojn. Esploristoj montris, ke eĉ en Usono, kiu havas tradicion de akceptado de novaj ideoj kaj varoj, eble nur unu el 40 homoj volonte estos la unua el sia socia grupo por provi aŭ aĉeti ion novan.

Kiam mi diras *ion novan*, mi ne parolas pri io nur iomete nova, sed pri vera, nova elpensaĵo. Ne pensu pri nova gusto en trinkaĵo aŭ pri nova kapablo en via poŝtelefono. Pensu pri la unuaj tablo-komputiloj, la unuaj kontakto-lensoj, la unua telefono, la unua elektra razilo, la unua reciklado-sistemo, la unuaj sekurec-zonoj de aŭtomobiloj, ktp. Tiuj ideoj estas sufiĉe neatenditaj, novaj, ke ni povas klasifiki ilin kiel novaĵonj. Kaj en ĉi tiu difino de novaĵo estas ĉiuj varoj, produktoj, sistemoj kaj

ideoj, kiuj estas novaj kaj ankoraŭ ne ofte uzataj en unu komunumo. Por la homaro ankaŭ Esperanto klasifikiĝas kiel novaĵo.
Esperanto estas nova ideo, eĉ se ĝi estis elpensita antaŭ 125 jaroj. Ĝi ne estas komplete nova por la ĝenerala socio, sed ĝi ja estas nova por ĝis 99 elcentoj de la tutmonda loĝantaro, kaj ĝuste pro tia noveco, Esperanto, se ĝi estos akceptita, plej probable sekvos la akceptado-vojon de novaĵoj laŭ la teorio kaj modelo de Rogers – teorio kiun mi klarigos sube. Esperanto ne malkontraŭas kaj kontraŭstaras la kutimajn vojojn de akceptado de novaj ideoj. Pro tio valoras la penon studi la manieron, laŭ kiu novaj iloj, produktoj kaj ideoj kutime, tra jaroj, jardekoj kaj eĉ jarcentoj, sukcese eniĝas en la socio.




**EVERETT ROGERS KAJ LIA LIBRO**

En tradiciaj fakoj de universitatoj oni ne trovos modelojn aŭ profundajn sciojn pri ĉi tiu akcepto-modelo. Ekonomiko substrekas la raciecon de la homoj, sed la akceptado de novaĵoj ne estas tiel racia. Ankaŭ ne klarigas la fenomenon tradiciaj universitataj fakoj psikologio, sociologio, politiko, merkatiko, komuniko kaj aliaj, kvankam ili rande interesiĝas pri la temo. La klara priskribo kaj kompreno de la akceptado de novaj produktoj kaj ideoj troviĝas en la esplorfako, nomata en la angla lingvo “Diffusion of Innovations Research,” kaj en ĉi tiu artikolo mi nomos ĝin esplorado pri disvastiĝo kaj akceptado de novaĵoj (kiel supre menciite, novaĵoj povas esti novaj iloj, produktoj aŭ ideoj).

Unu el la ĉefaj esploristoj pri tiu temo estas Everett Rogers el la Ohia Ŝtata Universitato (Usono). Antaŭ 50 jaroj li verkis sian klasikan libron *Diffusion of Innovations* (Difuzo de Novaĵoj). Mi tre rekomendas tiun libron al ĉiuj esperantistoj, kiuj volas pli bone kompreni la disvastiĝon de Esperanto laŭ strategia, ne lingvistika, vidpunkto. En la resto de ĉi tiu artikolo, mi klopodos utiligi la ideojn de Rogers el lia libro. Bonvolu memori, ke la ideoj kiujn Rogers kunigis, devenas de preskaŭ mil doktoraj disertacioj kaj miloj da fakartikoloj el pluraj studkampoj: sociologio, psikologio, merkatiko, komunikado, ekonomiko, geografio, politiko kaj agrikulturo. La teorio estas klare priskribata, ofte esplorata, kaj sukcese aplikata en multaj kampoj. Tamen ĝis nun ĝiaj principoj ne estas sufiĉe bone konataj de esperantistoj.
La unua nocio de la teorio de Rogers rilatas al kategorioj de akceptantoj. La fundamenta observo de la esploristoj estas, ke estas kvin fundamentaj grupoj, kiuj akceptas aŭ malakceptas novaĵojn, kaj tiuj grupoj malsimilas inter si. Krome, la novaĵo estas akceptita laŭ sin sekva ordo de, unue, Grupo I; poste, Grupo II; poste, Grupo III; poste, Grupo IV kaj finfine, Grupo V. Tio estas, Grupo II akceptas novan ideon nur **post** la akceptado de tiu ideo de homoj de Grupo I. El tiu sisekvo de akceptado logike konkludiĝas, ke firmaoj aŭ organizoj, kiuj volas akceptigi novan ideon, vane laboras se ili provas konvinki la grupojn ekster tiu sisekvo. Se Esperanto elspezas monon por konvinki homojn el celgrupo II, dum Grupo I ankoraŭ ne ŝatas la ideon, tio signifas ke, laŭ la teorio, mono ne estas optimume investita.
Konklude: ni esperantistoj profitos se ni komprenos tiujn grupojn. Kiuj ili estas? Kiom grandaj ili estas? Kiaj estas la homoj kiuj konsistigas tiujn kvin grupojn?

**LA KVIN GRUPOJ**

Rogers kaj aliaj esploristoj nomas la grupojn “Innovators” (Novigantoj), “Early Adopters” (Fruaj akceptantoj), “Early Majority” (Frua plimulto), “Late Majority” (Malfrua plimulto) kaj “Laggards”

(Postrestantoj). Mi nomos ilin simple Grupo I, Grupo II, Grupo III, Grupo IV kaj Grupo V. Tiuj grupoj ne samgrandas. Grupo I estas malgranda – nur 2.5% el la celloĝantaro, Grupo II – 13.5%, Grupo III – 34%, Grupo IV – 34%, kaj Grupo V – 16%.

La membroj de ĉiu grupo povas priskribiĝi laŭ psikologiaj, sociologiaj kaj ekonomikaj kriterioj.




Grupo I plej interesas nin ĉar, se la membroj de tiu grupo ne akceptos Esperanton, la membroj de la sekvaj grupoj tute ne akceptos, ĉar tutsimple, Grupo II atendas, ke aliaj homoj **unue** utiligu la novan ideon. Memoru ankaŭ, ke tiu unua grupo estas elcente malgranda: nur 2.5% el la tuta loĝantaro, aŭ 1 el 40 homoj, apartenas al ĝi. Tiu malgrandeco influos nian tutan strategion.

Kiaj estas la homoj de la ŝlosila Grupo I? Unue, psikologie ili malsimilas al aliaj homoj. Ili estas pli scivolemaj, pli kleraj, ofte havas pli da mono (kio helpas al ili aĉeti novajn produktojn, ekzemple). Ili nature ŝatas novajn ideojn kaj emas eksperimenti. Sociologie, ili ne tre komfortas en siaj lokaj komunumoj; ili serĉas eksteren. Ili legas pri homoj kaj ideoj ekster sia propra, loka kulturo. Ili pli ŝatas riskojn ol la tipa membro de ilia loka komunumo. Ili ofte ne estas plene akceptataj en siaj lokaj kulturoj kaj ofte estas rigardataj kiel iom strangaj. La plimulto (Grupoj II, III, IV, V, do 97.5% el la loĝantaro) ne akceptas ilin kiel plenajn membrojn de siaj lokaj kulturoj.

Do, la membroj de Grupo II ne akceptos Esperanton, se ili ne antaŭe vidos sukcesan akceptadon de Grupo I. Kia estas Grupo II? Dum Grupo I estas eksteruloj de la loka kulturo, la loka komunumo, Grupo II estas plene integrita en la socia kaj komunika sistemoj de la loka kulturo. Ili estas respektataj kaj aŭskultataj de aliaj homoj. Tre malsimile al tiuj de Grupo I, kiujn aliaj homoj kutime ne aŭskultas aŭ sekvas, anoj de Grupo II lerte kapablas utiligi komuniksistemojn, personajn kaj amaskomunikilajn, por akceptigi siajn ideojn. Membroj de Grupo II, simile al tiuj de Grupo I, ankaŭ estas bone edukitaj, sufiĉe monhavaj kaj ŝatas novajn ideojn. Sed ili estas multe pli praktikaj, kaj kapablas klare antaŭvidi la konkretan aplikon de iu nova ideo. Laŭ Rogers, ĉi tiu grupo ampleksas pli ol kvinoble ol Grupo I, kun 13.5 elcentoj de la celloĝantaro.

Grupo III havas fundamentan diferencon for el Grupoj I kaj II. Dum homoj el la du unuaj grupoj interesiĝus pri Esperanto kiel ideo, kiel celo en si mem, eĉ kiel sankta afero, tiuj de Grupo III eble prifajfos tion. Grupo III estas praktikaj homoj. Ili ne serĉas bonan filozofion; ili serĉas ĝustajn, praktikajn aplikojn. Ili ne volas paroli pri **ideo**; ili volas havi **rezultojn**: ŝparo de mono, kresko de enspezoj, pli rapida produktado, pli neŭtrala kaj justa interrilato de nacioj, malpli da problemoj ĝenerale, kontentaj dungitoj, kontentaj akciistoj, sukcesaj studentoj, psikologia sano por maljunuloj. Ĉiu havas sian celon, ĉu komercan ĉu idealistan, tamen konkretan celon kiu rilatas la uzon kaj la utiligon de la ideo, sed kiu ne tuŝas la ideon mem. Tiu grupo havas alian grandan trajton: ili volas havi kompletajn solvojn, senriskajn solvojn kaj profitdonajn rezultojn. Ili volas vidi, ke nova ideo vere funkcias, ke ĝi **jam** havas la tutan infrastrukturon por sukcesigi ĝin, kaj ke ne estas risko, ke post la ekuzo de la ideo, ĝi eble malsukcesos.

Tiaj homoj de Grupo III gravas ankaŭ, ĉar ofte ili decidas por universitatoj, por lernejoj, por registaroj, por firmaoj. Ili estas decidantoj, decidestroj, decidistoj. Ili havas la potencon, la monon, kaj la respondecon decidi por siaj organizoj. Ili ne ŝatas eksperimenti; ili volas vidi la rezultojn de antaŭaj eksperimentoj. Ili ne ŝatas montri la novan vojon. Ili preferas atendi. Atendi longan tempon ĝis ili vidas pruvojn, multe da pruvoj, ke la ideo bonas, bonvojas, kaj antaŭ ĉio, ke ĝi jam sukcese uzeblas. Grupo III estas tre granda, kun ĉirkaŭ 34% el la komunumo, kaj, kompreneble, granda parto el ili ne estas decidistoj, sed individuoj kiuj respondecas nur pri si mem aŭ pri siaj familioj, tamen tiuj individuoj havas la samajn psikologiajn kaj sociajn trajtojn kiel la decidistoj – ili preferas atendi ĝis kiam nova varo, produkto aŭ ideo estos jam perfektigita kaj preta, sen risko, por aĉeto kaj utiligado. Ili ne akceptos Esperanton se tiu lingvo ankoraŭ ne estos uzpreta. Uzpreta por ĉiaj uzoj: vojaĝi al Parizo, diplomiĝi ĉe universitato kaj esti dungita per tiu diplomo, rigardi ĉiujn videoludojn en Esperanto ktp, ktp.

Laŭ mi, estus tre pozitiva paŝo en la Esperantaj movadoj, se ni pli atentus tiujn trajtojn de Grupoj I, II, kaj III. Tro ofte ni provas konvinki homojn, kiuj apartenas al la pli pragmatikaj grupoj, speciale al Grupo III. Laŭ la teorio de Rogers, tiaj homoj tute ne atentos nin, ĉar ni parolas pri bonaj ideoj, belaj ideoj, kiuj tamen ne povas esti praktike starigataj nun, kun rezultoj nun. Tiaj homoj de Grupo III ne decidos favore al ni, eĉ se ili kredus, ke ni havas la plej bonan ideon de la tuta mondo. Ili ne decidas laŭ kriterioj de bona aŭ nebona ideo; ili elektas vojojn laŭ iliaj praktikaj, senriskaj aspektoj.

Se Grupo III ne atentas kaj akceptas nin, ni tute forgesu Grupojn IV kaj V, kiuj reprezentas la alian duonon de la celloĝantaro. Ili sekvas, nur sekvas. Grupo V sekvas Grupon IV, kiu sekvas Grupon III, kiu sekvas Grupon II, kiu ekpaŝos nur post kiam ili vidas sufiĉe da utiligantoj en Grupo I. Krome, anoj de Grupo V akceptos Esperanton, nur se ili estos devigataj akcepti ĝin, ekzemple, kiam ili ne plu havos alian elekteblecon. Ekzemple, kiam neniu plu parolos la anglan en la flughaveno de Parizo aŭ Pekino.

Legu la daŭrigon

Ĉi tiu artikolo aperis en la aprila kajero de *La Ondo de Esperanto* (2012).
Ĉe represo bonvolu nepre indiki la fonton paperan (se en presaĵo) aŭ retan (se en retejo):
Papere: *La Ondo de Esperanto*, 2012, №4.
Rete: *La Balta Ondo* http://sezonoj.ru/2012/03/210keef/

*Novaĵservo RET-INFO / Lingvo-Studio*

## *Elektronika ePub-versio de la revuo 'La Ondo de Esperanto'*

La paperan revuon "La Ondo de Esperanto" ekde 2007 oni povas aboni ankaŭ en la elektronika formato pdf. Tamen legi en poŝtelefonoj kaj platkomputiloj pdf-dosieron kun dimensio A-4 ne estas oportune, do nun la redakcio de la revuo pretigis ankaŭ la version laŭ la normo ePub *(= Electronika Publikaĵo)*.




Provnumeron de la marta "La Ondo" en ePub oni povas senpage elŝuti ĉe http://esperanto-ondo.ru/Libroj/Libroj.php

Se almenaŭ 20 personoj, nun ne abonantaj La Ondo-n elektronike, skribos al la redakcio pri sia abon-preteco, ili faros la ePub-an version konstanta, kaj la

elektronikaj abonantoj povos legi ambaŭ bitversiojn - pdf kaj ePub - kontraŭ la nuna kotizo 15 eŭroj por la jaro.

*Sube la tuta artikolo el al retejo de La Ondo:*
------

**La Ondo por legiloj, platkomputiloj kaj saĝtelefonoj**

La redakcio de La Ondo de Esperanto ekde 2007 proponas elektronikan abonon en la populara dosierformo *(normo, formato, prezentomaniero)* pdf *(angle: Portable Document Format)*. Nuntempe pli ol kvarono da abonantoj preferas ricevi la revuon ne papere, sed kiel pdf-dosieron. Sed bone vidi la tutan paĝon de la "fiksformata" bitrevuo oni povas nur per surtabla komputilo aŭ relative grand-ekrana platkomputilo (tabulkomputilo).

Por la posedantoj de librolegiloj, saĝtelefonoj kaj negrandaj platkomputiloj la legado de A4-formata pdf-revuo ne estas oportuna. Speciale por ili la redakcio de La Ondo de Esperanto ĵus enretigis provnumeron de la marta Ondo laŭ la normo ePub *(Electronic Publication)*. Oni povas legi ĝin helpe de pluraj aparatoj.

La testado montris, ke en "grandaj" komputiloj kaj tekokomputiloj, la ePub-a versio de La Ondo estas bone legebla per la legoprogramoj/prezentiloj Adobe Digital Editions (ADE), Calibre kaj AZARDi. La uzantoj de la retumilo Fajrovulpo (Firefox) povas legi epub-librojn helpe de la senpaga kromprogramo EPUBReader, kiu havas, interalie, fasadon en Esperanto.

La kvalito de la surekrana bildo en poŝtelefonoj kaj platkomputiloj dependas de la uzataj legoprogramoj. Sufiĉe bone ePub estas prezentata per iBooks en iPad, iPhone kaj aliaj aparatoj de Apple. La legoprogramoj FBReader, AlReader kaj CoolReader prezentas ne ĉiujn eblojn de ePub (la flankbildoj povas iĝi centraj, anstataŭ la tiparoj "enkorpigitaj" en ePub povas aperi tiparoj de tiuj programoj). La posedantoj de la aparatoj, kiuj funkcias kun Android, povas uzi la programeton ePub Reader.

Ni dankas al Ulrich Becker, Jurij Manjahin, Cindy McKee, Paul Peeraerts kaj Sergio Pokrovskij, kiuj per provlegado en pluraj aparatoj kun diversaj legoprogramoj ebligis al ni aranĝi laŭeble plej taŭgan finan ePub-version de La Ondo.

Elŝutu ĝin en nia kiosko http://esperanto-ondo.ru/Libroj/Libroj.php kaj skribu al ni (sezonoj@yahoo.com,) per kiu librolegilo/komputilo kaj per kiu legoprogramo vi legis ĝin kaj kiujn problemojn vi havis ĉe la legado.

Se vi ankoraŭ ne abonas La Ondon, sed ŝatus legi ĝin elektronike, vi povas aboni ĝin por la tuta jaro 2016. Se almenaŭ 20 personoj, kiuj nun ne abonas La Ondon elektronike, skribos al ni pri sia abon-preteco, ni faros la ePub-an version konstanta, kaj la elektronikaj abonantoj povos legi ambaŭ bitversiojn (pdf kaj ePub) kontraŭ la nuna kotizo (15 eŭroj por la jaro).

Sukcesan legadon!

*El la retejo de La Balta Ondo: http://sezonoj.ru/2016/04/ondo-9/*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Antaŭmendo-kampanjo por eldono de fizika KD "JoMo okcitanas!"



Aperigi muzikan albumon en tradicia KD-formato havas nur sencon, se oni certas pri bezono de ili. Jo-Mo, t.e Jean-Marc Leclercq – verŝajne nuntempe la plej konata kaj populara Esperanta kantisto – devenas el la okcitana regiono de Francio kaj preparas nun novan albumon "JoMo okcitanas!".
http://www.ulule.com/jomo-okcitanas/